**Saluton, karaj legantoj!**



Jen vica numero de Kontakto, kies ĉefa temo estis planita kiel "Edukado tra la mondo". Bedaŭrinde (aŭ feliĉe – dependas de la mondpercepto) ni ricevis ne tre multe da ĉi-temaj kontribuoj, tial vi trovos multe da ali-tema materialo. Tamen, mi kredas, ke la numero tamen ja rezultis pensiga kaj interesa.

Vi povos legi i.a. pri la diferencoj inter la eduk-sistemoj de Germanio kaj Anglio kaj ekscii, kial en eksa Sovetio kaj moderna Rusio tiom multas talentaj matematikistoj. Iom alian, tute pesimisman rigardon al la moderna matematika edukado prezentas la artikolo, dediĉita al la apartaĵoj de la pripagenda instruado en Ukrainio.

Aldone al tiuj temaj kontribuoj vi povos legi pri mirinda Esperanta fabela lando en Finnlando, ekscii interesaĵojn pri la ĉefurbo de Kanado – la urbo Otavo, konatiĝi kun Irano kaj ĝui kelkajn diversgrandajn pensigajn kaj ĝueblajn eseetojn.

Fine de mia redaktora saluto mi volas anonci, ke la sekva numero de nia revuo estos dediĉita al la glora jubileo de TEJO, kiu ĉi-jare festas sian 70-jariĝon. Se vi havas kion diri ĉi-teme, rapidu! Kundiskutu pri la nuntempo kaj estonteco de nia organizo! Kaj ne forgesu, ke ni ĉiam ĝojas akcepti de vi ajnajn proponojn, kritikojn kaj – ĉefe! – kontribuojn!

Agrablan legadon!

*Paŭlo*

P.S. Ĉu vi jam divenis, kion prezentas mia foto? Kompreneble, temas pri la akvobatalo dum la ĉi-jara IJK! La partoprenintoj rememoru ĝin kun plezuro; la nepartoprenintoj – ne malesperu! La historio emas ripetiĝi, kaj mi certas, ke ne nur esperantistoj, sed ĉiuj homoj de la mondo iam havos la okazon batali ne per pafiloj kaj grenadoj, sed per akvopistoloj kaj memfaritaj akvaj bombetoj.

## <ENHAVO>



### Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *Kontakto* ne estas movada revuo, do ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj.
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! Koran antaŭdankon!

### Temoj de la venontaj numeroj de *Kontakto*

**Numero 226-227 (2008:4-5).** La ĉef-temo: "TEJO 70-jara". Se vi havas kion diri pri nia organizo – rapidu!

**Numero 228 (2008:6).** La ĉef-temo: "Politikaj unioj - ĉu vere unuecaj?" Ne estas sekreto, ke kvankam la limoj inter ŝtatoj fariĝas pli kaj pli efemeraj, ili plu restas en la homaj kapoj. Kiel la diafaneco de la limoj ŝanĝas nian vivon? Kiom similaj kaj unuecaj fariĝas la landoj kaj kulturoj en Eŭropo kaj en aliaj superŝtataj unuiĝoj (modernaj kaj iamaj)? Rakontu, legu, diskutu! La limdato – **la 1a de decembro.**

**Numero 229 (2009:1).** La ĉef-temo: "Superstiĉoj, mitoj kaj popolaj kredoj". Ĉu vi timas sidi ĉe tabloangulo, se vi ankoraŭ ne havas fianĉon? Aŭ ĉu vi eble tenas aŭgur-kartojn en via tirkesto kaj ĉiutage kontrolas la sorton? Kiaj mitoj kaj kredoj (historiaj, literaturaj aŭ eĉ politikaj) estas popularaj en via lando? Ĉu vere Kokakolao helpas kontraŭ terpoma skarabo? Rakontu pri viaj superstiĉoj, pruvu iun miton aŭ refutu iun miskredon! La limdato – **la 15a de decembro.**

**Ĉiuj viaj artikoloj (ajnatemaj) kaj proponoj estas bonvenaj kaj tre bezonataj!**


*Kontakto*: Dumonata socikultura revuo de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO), eldonata de Universala Esperanto-Asocio (UEA). Fondita en 1963. N-ro 225 (2008:3), 45-a jarkolekto. ISSN 0023-3692. Legata en ĉ. 90 landoj. TTT-paĝo: <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. Eldonanto (administrado, abonoj, anoncoj): UEA: * Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. Redakcio: *Kontakto*, ul. Rabochaja 24, kv. 29, Jalto, Krimeo, UA-98612, Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. Redaktoro: Paŭlo Moĵajev (Ukrainio). Grafikisto/vic-redaktoro: Eugenia (Ĵenja) Amis (Ukrainio/Usono). Korektisto: Aleksandro Galkin (Rusio/Germanio). Presado: Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. Konstantaj kunlaborantoj: Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Daniele Binaghi (Italio), Aleksandro Galkin (Rusio/Germanio), Olivier Gaudefroy (Francio), Etsuo Miyoshi (Japanio), Maksim Petrov (Kazaĥio), Saliko (Finnlando), Aneta Ubik (Germanio), Jefim Zajdman (Ukrainio). Facillingvaj artikoloj estas verkitaj en la niveloj tre facila kaj facila, laŭ la vortolisto de *Kontakto*. Tiu listo aperas en la unua numero ĉiujare. Anonctarifo: Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. Anoncetoj: por Anonctabulo kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. Abontarifo: varias laŭlande. Petu informojn de UEA. Malfortvidantoj: povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. *Kontakto* en radioj: Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz): Radio Havano (Kubo) Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.

Aleksandro Galkin, Rusio/ Germanio




## Matematiko en Sovetunio kaj Ruslando, aŭ:

# “Kial estas tiom da rusoj inter matematikistoj?”

**Se iu el vi feliĉis studi matematikon en via denaska lingvo, vi nepre devis renkonti plurajn apenaŭ elparoleblajn nomojn de rusaj matematikistoj: Ĉebiŝov, Markov, Kovalevskaja, Kolmogorov, Lobaĉevskij k.a. Kvankam la kulmino de la rusia matematika skolo okazis komence de la jam pasinta jarcento, lernantoj kaj studentoj de matematikaj lernejoj kaj fakultatoj el Ruslando daŭre okupas unuajn lokojn en internaciaj matematikaj konkursoj. La antaŭnelonga pruvo de la “Konjekto de Poincaré”, kiun faris rusa matematikisto Grigorij Perelman, estas kroma pruvo de tiu fakto.**

### Matematika olimpiko por ĉiuj

Malantaŭ la fenomeno de “precipa talenteco de rusoj pri matematiko” staras sufiĉe pragmatika klarigo: oni tradicie dum jardekoj serĉis lernejanojn, kiuj havis intereson kaj talenton pri matematiko, tra tuta Ruslando, kaj donis al tiuj la eblon studi matematikon ĉe la plej eminentaj profesoroj en la Moskva Ŝtata Universitato. La procezo de serĉo kaj elekto de tiuj talentuloj nomiĝis “Malĉeesta matematika olimpiko por lernejanoj”, kiu en diversa formo estis ĉiujare okazigata en Ruslando.

Tiu matematika konkurso havis kelkajn tute nekutimajn trajtojn. Plej unue, la taskoj, kiuj estis donitaj enkadre de tiu konkurso, celis lernejanojn de la sesa ĝis la dek unua lernojaro, dum la “kutimaj” matematikaj konkursoj estas limigitaj al la lastaj du klasoj de lernejo (10-a kaj 11-a). Oni ne pensu, ke la demandoj por lernantoj de la 6-9-a jaroj estis tute simplaj: jes, ili estis solveblaj per scioj de la lernantoj, tamen postulis nekutiman aŭ neordinaran aliron al la problemo (rigardu kelkajn ekzemplajn demandojn kaj iliajn solvojn sur la sekva paĝo).

### “Kvantumo”

La taskoj por tiu matematika konkurso estis publikigataj sur la paĝoj de la plej populara matematika revuo en Sovetunio kaj Ruslando, kiu nomiĝas “Kvantumo”. La redakcio de la revuo jare ricevadis dekojn da miloj da leteroj, senditajn de junaj matematikistoj el tuta Sovetunio. Tiuj, kiuj regule kaj korekte solvadis la taskojn, ricevis premiojn; unu el la plej gravaj premioj estis la skriba promeso esti akceptita kiel studento de matematika fakultato de la Moskva Ŝtata Universitato. Tio klarigas la fakton, kial tiom multe de famaj matematikistoj studis ĝuste en tiu universitato.

Sed krom la konkurso la revuo enhavis multe da alia informo: kaj matematik-rilata, kaj ne. Regule aperadis intervjuoj kun eminentaj sovetiaj matematikistoj: Kolmogorov, Arnold, Gelfand, multaj el kiuj rakontis pri siaj vojoj en matematiko. Regule aperadis artikoloj pri historio de matematiko kaj pri diversaj eminentuloj: “Kiel oni studis fizikon antaŭ 200 jaroj”, “Se Aristotelo estus prava” ktp. La ĉefaj artikoloj de la revuo proksimume egalproporcie temis pri fiziko kaj matematiko, kaj apud la matematika konkurso, certe, okazis konkurso pri fiziko. Aparte interesa estis la rubriko “Kalejdoskopo”, kie oni publikigis artikolojn pri tute kutimaj matematikaj kaj fizikaj fenomenoj, sed de la vidpunkto, kiu foje stumbligis, foje mirigis la legantojn.

Plie, la revuo verŝajne ne estus tiel populara inter gejunuloj, se ne du rubrikoj, dediĉitaj al komputiloj kaj programado. En la unua rubriko kun sufiĉe seka nomo “Duonkonduktantoj” oni rakontis pri bazoj de komputila tekniko: kiel estis konstruita kaj kiel funkcias procesilo, kio estas Assembler kaj kiel oni programas en la plej suba nivelo. Parenca rubriko “Programado” rakontis pri diversaj programlingvoj, pri interesaj taskoj, kiujn oni devis programi aŭ optimumigi, kaj pri diversaj komputilaj interesaĵoj.

Necesas substreki la fakton, ke la revuo ne estis iu scienca revuo, sed ankaŭ ne estis reduktita al scienc-populara revuo por vasta publiko. La aŭtor-teamo sukcesis trovi sian propran vojon, kiam la revuo restis faka, faklingva kaj ege profesia, sed samtempe komprenebla kaj komprenata de miloj da ordinaraj lernantoj de sovetiaj kaj rusiaj mezlernejoj kaj rakontanta pri la temoj, interesaj por ili. Pro tio la revuo unuflanke bone kompletigis aliajn junularajn teknikajn revuojn, eldonatajn en Sovetunio kaj Rusio (“Juna teknikisto”, “Tekniko – al junularo” ktp), kaj aliflanke – vekis kaj daŭre flegis intereson pri matematiko kaj fiziko ĉe lernantoj de mezlernejoj.

La revuo aperis en 1970 kaj tuj fariĝis ege populara; ĝis 1993 ĉiujare aperis 12 diketaj (50-60-paĝaj) numeroj; en 1993 pro financa katastrofo en Ruslando, kiu pereigis plurajn periodaĵojn por “pensanta publiko”, aperis nur 4 numeroj. Ekde 1994 ĝis nun la revuo aperas en iom alia formato, 6-foje jare.

Aparta trajto de la revuo estas ties malfermiteco al la publiko kaj interesiĝantoj: sur la retpaĝo de la revuo vi trovos ĉiujn numerojn ekde 1970 kaj ĝis 2008. Ne nur la numeroj, sed ankaŭ la apartaj artikoloj estas ordigitaj laŭ rubrikoj kaj laŭ aŭtora indekso, kio faciligas serĉon de certa artikolo. La skanaĵoj estis disdividitaj laŭ apartaj artikoloj kaj estas rapide kaj facile elŝuteblaj. Se oni volas havi pli kvalitajn bildojn, la aŭtora teamo ofertas diskon kun materialoj de la revuo kontraŭ ege modera prezo.





### "Matematikaj bataloj"

La solvado de la taskoj kaj forsendo de la respondoj plej taŭgis por lernejoj en malgrandaj urboj kaj vilaĝoj, tamen la lernejanoj en grandaj urboj strebis al pli dinamikaj kaj pli ĉeestaj formoj de rivalado pri matematiko. Ĝuste tiu deziro kondukis al la nasko de la fenomeno, konata kiel "matematika batalo". La ludo (jes-jes, estas ja nur ludo) komence aperis kiel rivalado inter lernantoj de diversaj mezlernejoj kun iom pli profunda studo de matematiko, ol en kutimaj lernejoj, sed poste evoluis al la ludo, kiun oni ludis en multaj lernejoj, ne nepre matematikaj.

Laŭ la reguloj de la ludo okazas rivalo inter du teamoj de lernantoj, en ĉiu teamo povas esti maksimume dek lernantoj. Ĉar la konkurso estas ĉiam ĉeesta, kutime teamo de unu lernejo simple venas al "fremda" lernejo por batalo. Ambaŭ teamoj ricevas liston kun taskoj je la naŭa horo matene kaj havas tempon ĝis la dua horo posttagmeze. Dum tiu tempo la teamoj devas solvi aŭ almenaŭ proponi iun taŭgan solvo-vojon por 10-12 taskoj, kiuj estas en la listo. La taskoj kutime havas diversan gradon de kompleksco kaj postulas

# Pri fiŝoj kaj hipopotamoj

## Elektitaj taskoj por lernantoj de 6-a ĝis 8-a lernojaro

1. Inter la vilaĝoj "Fostoj" kaj "Vostoj" post ĉiu kilometro de ŝoseo staras fosto kun ŝildo, sur unu flanko de kiu estas indikita distanco ĝis la unua, kaj sur la alia flanko – ĝis la dua vilaĝo. Peĉjo rimarkis, ke la sumo de ĉiuj ciferoj sur ĉiu ŝildo (ambaŭflanke) estas konstanta kaj egalas al 13. Kiomas la distanco inter tiuj du vilaĝoj?

2. Krokodilo, hipopotamo, pelikano kaj baleno manĝis sume 37 fiŝojn. Baleno manĝis tiomoble pli, ol pelikano, kiomoble pelikano manĝis pli ol krokodilo. Kiom da fiŝoj manĝis ĉiu el ili?



3. Ĉu ekzistas la nombro, sumo de kies ciferoj estas 11, kiu finiĝas per 11 kaj estas senreste dividebla per 11?

**Ĝustaj respondoj:**

1. 49 km.

2. Hipopotamo estas herbomanĝa kaj ne manĝis fiŝon entute. Estu krokodilo, kiu manĝis x fiŝojn, kaj pelikano respektive y. Tiam baleno manĝis $y*(y/x) = y^2/x$ fiŝojn. Nun ni povas fari ekvacion: $x + y + y^2/x = 37$. El la memkomprenebla fakto, ke $37>3x$ (krokodilo manĝis x, pelikano – pli ol x, baleno – eĉ pli, ol pelikano) ni povas konjekti, ke $x < 12$. Provante enmeti diversajn valorojn ni trovas la respondon – krokodilo manĝis 9 fiŝojn; pelikano – 12, baleno – 16.

3. Por respondi tiun demandon oni devas scii la regulon pri dividebló de ajna nombro per 11. Por ekscii tion oni unue sumigas la neparajn ciferojn de la nombro (komencante per la plej maldekstraj) kaj poste subtrahas el tiu sumo la sumon de ĉiuj paraj ciferoj – se la rezulta nombro divideblas per 11, do ankaŭ la esplorata nombro divideblas per 11. Pro tio, ke en nia supozata nombro la lastaj ciferoj 11 staras apude, dum la uzado de tiu divideblo-regulo unu el ili estos aldonata al la komuna sumo kaj la dua estos



subtrahata, do ili kvazaŭ "neniigas" unu la alian. Tio signifas, ke ankaŭ la nombro, formita el la restaj ciferoj (ĉiuj krom la du lastaj) devas estis dividebla per 11 sen resto; sed tio ne eblas, ĉar la sumo de ties ciferoj iĝas egala al 9 (11-1-1=9) – ni ja scias, ke komence la sumo de ĉiuj ciferoj de la supozata nombro estis egala al 11. Pro tio, ke 9 ne estas dividebla per 11, ankaŭ la rezulta nombro ne estas dividebla. Ni do venas al kontraŭdiro, kio signifas, ke la nombro, priskribata en la tasko, ne povas ekzisti.

ne nur perfektajn sciojn de matematiko, sed ankaŭ neordinarajn ideojn kaj solv-alirojn, sed sen tro fakaj scioj. Fakte, ĉiujn taskojn oni povas solvi uzante nur la lernejajn sciojn, necesas nur sukcese apliki tiujn al neordinara problemo.

Post kiam la tempo por solvado forpasis, la teamoj komencas rivali unu kontraŭ la alia. La reprezentanto de unu teamo devas prezenti sian solvon de certa tasko, dum la "oponanto" de la alia teamo provas per siaj demandoj aŭ obĵetoj stumbligi lin kaj igi lin agnoski, ke eble la solvo ne estas optimuma, aŭ entute ĝusta, aŭ universala por ĉiuj kondiĉoj.

Dum unu lernanto prezentas la solvon de sia teamo kaj la dua (certe, plejeble afable) starigas stumbligajn demandojn, neniu el ili povas ricevi helpon de siaj teamoj. Do, la prezentanto de la solvo devas sukcese "defendi" la solvon de sia teamo, eĉ se li ne nepre entute faris tiun solvon. La samo validas por la "atakanto". Oni ne rajtas ne respondi demandojn aŭ respondi ilin nefake – se oni ne povas respondi, oni simple devas agnoski tion. Post la prezento de la solvo kaj finiĝinta diskuto la ĵurio decidas pri la kvanto de poentoj, kiun oni aljuĝos al ambaŭ lernantoj. Ĉi tie rolas ne nur ekstera karismo, sed ankaŭ la scioj.

Post unu "batal-raŭndo" la teamoj ŝanĝas siajn rolojn, kaj nun la alia teamo de lernantoj devas prezenti la solvon, dum la unua devas ĉikani ĝin. La reguloj de la batalo malpermesas fari la prezentadon kaj oponadon nur fare de kelkaj homoj – la tuta teamo devas almenaŭ unufoje "ĉeesti ĉe la tablo". Pro tio ĉiu en la teamo devas kompreni ĉiun solvon kaj kapabli trovi malfortajn lokojn en la solvo de siaj rivaloj.

Fine de la ludo oni sumigas ĉiujn poentojn, kiujn ricevis la teamanoj, kaj tiel oni decidas, kiu venkis, kaj kiu malvenkis. Unuopaj bataloj estis unuigitaj en grandajn turnirojn inter matematikaj teamoj de diversaj lernejoj. Tiuj turniroj diferencis laŭ la studjaroj de lernantoj kaj laŭ ĝenerala malfacileco de la taskoj. Dank' al tiuj ludoj oni povis konatiĝi kun elstaraj lernantoj el aliaj lernejoj kaj interŝanĝi diversajn spertojn. Ĝuste dank' al tiuj ludoj mi siatempe serioze ekinteresiĝis pri matematiko kaj iĝis malpli timema pri aparte malfacilaj kaj neordinaraj taskoj.



La revuo "Kvantumo"

### Konkludaj rimarkoj

Kompare al mezlerneja edukado en multaj aliaj landoj, en Sovetunio kaj frua tempo de moderna Rusio la ĉefa motiviga faktoro por lernantoj lerni matematikon kaj entute "ekzaktajn sciencojn" estis interesiĝo pri ili kaj emo rivali kun aliaj. Ĝuste tiu "deinterna" kaj pura interesiĝo pri akiro de novaj scioj, la scivolo en la plej rekta senco, klarigas la fenomenon de "rusa mezlernejo" kaj eĉ de la tuta "rusa skolo" en pluraj scienc-terenoj.

**<RETE>**

<http://kvant.mirror1.mccme.ru> – la reta arkivo de la revuo "Kvantumo" (en la rusa)

---

# Edukado en Germanio kaj Anglio: Trovu diferencojn!

Marcos Cramer, Argentino/Germanio

**En ĉi tiu artikolo mi komparos la eduk-sistemojn de Germanio kaj Anglio, kiujn mi ambaŭ persone konas, ĉar mi estis en Germanio dum la unuaj dek jaroj de mia lerneja tempo, kaj en Anglio – dum la lastaj du jaroj de mia lerneja tempo kaj dum mia tuta universitata studado. Mia komparo baziĝas do ĉefe sur miaj propraj spertoj kaj sur tio, kion mi scias de la konatoj; eblas do, ke mi ne bone prezentos ĉiujn aspektojn de la du edukaj sistemoj. Mi atentigu pri tio, ke mi intence uzas la esprimon "Anglio", sed ne "Britio", ĉar en Skotlando la eduka sistemo malsamas al la angla sistemo (dum en Kimrio la eduka sistemo estas – se ne konsideri la lingvajn aspektojn – plejparte la sama kiel en Anglio).**

En Anglio la bazlernejo estas sepjara, de la aĝo 4 ĝis la aĝo 11. Poste venas kvin jaroj da deviga kaj du jaroj da libervola duagrada edukado. En Germanio la bazlernejo estas nur kvarjara: oni eniras ĝin estante ses-jaraj (aŭ iomete post la sepjariĝo) kaj forlasas ĝin estante pli-malpli 10-jaraj. Do konstateblas, ke la angloj eniras la lernejon pli frue, kaj restas pli longe en sia unua lernejo.

Post la bazlernejo la infanoj en Germanio povas eniri unu el la tri specoj de lernejoj: *Gymnasium* (rekta traduko: *gimnazio*), *Realschule* (rekta traduko: *reala lernejo*) kaj *Hauptschule* (rekta traduko: *ĉeflernejo*). En Esperanto oni povas nomi ilin respektive altnivela, meznivela kaj malaltnivela gimnazio (ĉar la Esperanta vorto "gimnazio" mem diference de la germana "Gymnasium" ne entenas la nocion de alta nivelo). En la plej multaj federaciaj landoj la gepatroj povas memstare decidi, al kiu speco de lernejo la infano iru, kvankam la bazlernejo donas certajn rekomendojn depende de la kapabloj de la infanoj. Eblas konstati, ke infanoj de pli riĉaj aŭ pli edukitaj gepatroj plej ofte iras al la altnivelaj gimnazioj, dum en la malaltnivelaj gimnazioj estas ĉefe infanoj de malriĉaj, malmulte edukitaj aŭ eksterland-devenaj gepatroj. La triparta sistemo estas forte kritikata pro tio, ke ĝi tiel frue dividas la





infanojn laŭ socia statuso kaj laŭ lernsukceso, dum la konservativuloj defendas la dividon argumentante, ke instrui ĉiujn kune nur malaltigus la nivelon de la altniveluloj.

Ankaŭ en Anglio iam ekzistis tia triparta sistemo de la duagrada edukado, tamen ĝi estis plejparte forigita en la sesdekaj kaj sepdekaj jaroj de la 20a jarcento: nur kelkloke restas kelkaj tiel nomataj *grammar schools*, kiuj estas la altnivelaj gimnazioj de Anglio. Tamen en Anglio ekzistas alia formo de socia divido en la eduka sistemo: 7% de la lernejanoj iras al privataj lernejoj, kiuj plejparte estas multekostaj, kaj tial donas aparte bonan edukadon al la infanoj de riĉaj gepatroj. Do ne estas surprizige, ke ambaŭ landoj laŭ la *Programo por la internacia takso de lernejanoj* (konata sub la mallongigo PISA laŭ la angla- kaj franclingva nomoj; ĝi estas la esploro, kiu komparas la kapablojn de lernejanoj el ĉiuj landoj, kiuj membras en la *Organizaĵo pri Ekonomiaj Kunlaboro kaj Evoluigo*) troviĝas inter la landoj, kie la socia statuso de la gepatroj plej multe influas la studajn sukcesojn de la infanoj. Kontraste, en Germanio ekzistas nur tre malmultaj privataj lernejoj: diference de la privataj lernejoj en Anglio ili ekzistas ĉefe ne por provizi riĉulojn per elstara eduko, sed por praktiki alternativajn edukmodelojn, ekzemple tiun de Rudolf Steiner.

En Germanio ekzistas tri lernej-finaj diplomoj: La *Hauptschulabschluss* (diplomo de la malaltnivela gimnazio), kiun oni ricevas en la 15-jara aĝo, la *Realschulabschluss* (diplomo de la meznivela gimnazio), ricevebla en la 16-jara aĝo kaj la *Abitur* (abiturientiĝo), kiu ebligas daŭrigi la studadon en universitato. La abiturientiĝo plej ofte okazas en altnivela gimnazio, kiam la lernanto estas 18- aŭ 19-jara, depende de la federacia lando (sed nun ĉiuj federaciaj landoj volas ebligi abiturientiĝon post 12 jaroj da lerneja studado, do, en la aĝo de 18 jaroj). Sed ankaŭ la lernejanoj de la aliaj du specoj de gimnazioj povas abiturientiĝi post aldona 3-jara studado en *fakgimnazio*.

En Anglio ekzistas nur du lernej-finaj diplomoj: la *GCSE*, ricevata en la aĝo de 16 jaroj, kaj la t.n. *A-level*, ricevata en la aĝo de 18 jaroj, kiu ebligas eniron en universitaton. La ĉefa diferenco inter la germana *Abitur* kaj la angla *A-level* estas, ke dum la du jaroj, kiam oni studas por la *A-level*, oni studas nur kvar lernofakojn, dum por la *Abitur* necesas studi naŭ aŭ dek fakojn ĝis la fino de la lernejo. Do, kvankam en la *Abitur* oni ja elektas du fakojn, pri kiuj oni aparte koncentriĝas, la *Abitur* multe pli emfazas la ĝeneralan edukadon, dum la *A-level* pli emfazas la profundan fak-scion.

Alia diferenco inter la du sistemoj estas, ke en Germanio multaj lernejanoj devas ripeti jaron da lerneja studado, se oni ricevas malbonajn stud-poentojn (ĉiujare preskaŭ kvin elcentoj de la lernantoj faras tion), dum en Anglio tia ripetado apenaŭ ekzistas.

Ankaŭ ĉe la universitata nivelo ekzistis multaj strukturaj diferencoj, kiuj tamen nun malpliiĝas pro la Bolonjo-procedo, kiu unuigas la strukturojn de universitata edukado en Eŭropo. La ĉefa diferenco ĉe la universitata nivelo nun estas, ke la ŝtataj universitatoj en Anglio estas sufiĉe multekostaj (kvankam ekzistas subtenoj por malriĉaj studentoj), dum la ŝtataj universitatoj en Germanio estas depende de la federacia lando aŭ tute senpagaj, aŭ almenaŭ malpli kostaj ol en Anglio. Diference de la lernejoj, en Germanio estas pli multe da privataj universitatoj, ol en Anglio; ili plejparte koncentriĝas pri ekonomiko aŭ pri aliaj fakoj, kiuj kondukas al bone pripagataj postenoj.





# 2+2=???, aŭ:

## Kiom kostis via diplomo, sinjoro instruisto?

Jefim Zajdman, Ukrainio

**Bonvolu imagi la jenan interparolon:**
**Instruisto:** ***Kiom estas kvar minus tri?***
**Studento:** ***Minus unu.***
**Instruisto:** ***Kial??? Kion oni instruis al vi en mezlernejo?***
**Studento:** ***Unu.***
**Instruisto:** ***Do kial vi skribis "minus unu"?***
**Studento:** ***Sed vi ja instruis al ni minusajn nombrojn…***

Estas realaĵo, kiu okazis en ekologia fakultato de unu miaurba instituto dum ekzameno pri supera matematiko post unujara studado. Kaj ĝi ne estas escepto. Mi estis atestanto de la situacio, kiam abituriento dum enir-ekzameno al alia altlernejo (por pripagenda studado) ne povis solvi ekvacion x+2=5. Imagu, ke li ja estis akceptita al la universitato! Kaj tio okazas en la lando, kie antaŭ la "rekonstrua periodo" la fundamentaj sciencoj (kiel matematiko, fiziko) estis la plej avangardaj. Kio do okazis?

### Mono gravas pli ol ĉio

Proksimume antaŭ 20 jaroj en la lando komencis multnombre aperi diversaj institutoj, kiuj proponis pripagendan instruadon (kontraste al la sovetiaj altlernejoj, kie la instruado estis senpaga). Iuj el ili kreskis el teknikaj lernejoj, aliaj funkciis kiel filioj de ŝtataj institutoj. Baldaŭ la institutoj fariĝis universitatoj, universitatoj – akademioj, ĉar la impona titolo multe gravis por varbi la studentojn.

La nivelo de instruado en tiuj edukcentroj estis, milde dirante, ne tre bona. Tie rapide aperas "diplomitaj" profesoroj, ĉar ju pli da tiuj, des pli prestiĝa aspektas la instrucentro. Rezulte de tia "ĉaso por mono" post jaroj aperis generacio de novbakitaj instruistoj por mezlernejoj kaj institutoj, kies instru-kapabloj estas plej ofte ne sufiĉe bonaj. Necesas aldoni, ke en librovendejoj tiam malaperis la libroj pri supera matematiko, fiziko, kemio, konstruado ktp. Kompense ege multas la libroj pri manaĝerado, bankaj aferoj, komputado, ĉar ĝuste tiujn fakojn oni plej ofte instruas en la privataj altlernejoj.

Precipe malbona situacio nun estas pri la koresponda instruado. La situacio estas ege malbona, se la stud-centro kreis korespondan filion en alia urbo, kie ankoraŭ ne estas necesaj instruistoj. Ĉi-kaze oni ofte instruas, ne tion, kio estas bezonata, sed kion oni povas.

### Nekutima profesio

En la korespondaj stud-centroj la studentoj dufoje jare havas unu- aŭ du-semajnan sesion, dum kiu ili vizitas lekciojn kaj trapasas ekzamenojn. Laŭ la postuloj de la eduka sistemo multaj fakultatoj devas dum unu aŭ du studjaroj instrui ankaŭ la superan matematikon. Plej ofte la studentoj devas prepari hejmajn taskarojn inter la sesioj kaj prezenti ilin antaŭ la ekzamenoj. Sed 90% de la studentoj eĉ ne provas fari tion memstare. Ili serĉas homojn, kiuj anstataŭ ili tion farus kontraŭ pago. La bezono naskas tiujn homojn. Unu el ili estas mi.

Jam dum ĉirkaŭ 20 jaroj mi okupiĝas pri tio, tial la realo estas bone konata al mi. Mia reklama afiseto tekstas jene: "Helpo, konsultoj por studentoj pri matematiko, teorio de probableco, matematika statistiko, ekonometrio, matematika programado, teorio de operacioj ka.". Eble vi scivolas, ĉu ne rongâs min konsciencriproĉoj? Tute ne. Se ne mi, do ajnokaze troviĝos alia homo, kiu faros tion. Certe, de tempo al tempo aperas unuopuloj, kiuj pretas studi ĉe mi por ion scii, sed tiaj estas tre malmultnombraj.

### Degenero de la instruado

Kaj nun mi donu kelkajn ekzemplojn por montri, kiel degeneras la instruado en la pagendaj altlernejoj de Ukrainio. En la koresponda filio de la Ŝtata Akademio de popola ekonomio nun la hejmajn taskarojn page faras… la instruistoj mem! Matematika taskaro kostas tie ĉ. dek dolarojn. Post tiam la ekzameno pasas formale, la studento simple ne ricevas elstare bonan studpoenton.

En la koresponda filio de la Sudorienta Ŝtata Universitato profesoro de supera matematiko jam dum 10 jaroj proponas al la studentoj la samajn hejmajn taskarojn. Antaŭe mi priservis multajn studentojn el tiu universitato, sed iam la studentoj ĉesis turni sin al mi, ĉar, kiel klariĝis, la sekretariino de la stud-fako kopiis miajn solvojn kaj simple vendis ilin. La profesoro ĉion scias, sed nenion ŝanĝas.

En la ĉeestaj studoj la situacio pri la instruado estas iom pli bona, ĉar la studentoj havas la eblon studi siajn studobjektojn dum la tuta lernojaro. En la senpagaj fakoj de ŝtataj instrucentroj la situacio estas eĉ pli bona, ĉar oni malpli evitas eksigi malbonajn studentojn.

Ĉu tia nur-ŝajna instruado baldaŭ donos siajn misajn fruktojn en la landa skalo – nu, tion la tempo montros.



# Irano per unu rigardo

Lumino Ebrahimpour, Irano

## Situo kaj naturo

La ŝtato, kies plena nomo estas "Islama Respubliko Irano", havas grandan teritorion, kies areo egalas al 1.648.000 kvadrataj kilometroj. Ĝi situas en la sudokcidenta parto de Azio, inter Turkmenio, Azerbajĝano kaj Armenio norde, Afganistano kaj Pakistano oriente, Turkio kaj Irako okcidente. La sudan limon de Irano formas la bordoj de la Persa kaj Omana Golfoj. Irano situas en la centro de la Meza Oriento kaj servas kiel iaspeca ponto inter oriento kaj okcidento.

Puraj fontoj, rokoj, montoj, silentaj vulkanoj, kovritaj de neĝo, densaj arbaroj de Alborz-montaro, bordoj de la Kaspia maro, granatujoj, ĝardenoj de pistak-arboj, vicoj de poploj, plenstelaj noktoj kaj migroj de triboj dum la jaro – ĉio ĉi estas vidindaj kaj neforgeseblaj bildoj de la Irana naturo.

El pluraj milionoj da hektaroj de la Irana vastaĵo ĉ. 10 milionoj da hektaroj estas kovritaj de ĝardenoj kaj kultivata tero; 10 milionojn da hektaroj kovras ebenaĵoj kaj paŝtejoj; 19 milionoj da hektaroj estas okupitaj de arbaroj – dum la resto prezentas dezertojn kaj montarojn.

Grava karakterizaĵo de la Irana teritorio estas la fakto, ke la pli granda parto de ĝi situas pli ol kilometron super la marnivelo. La plej alta montopinto de la lando estas Damavand, ĝi havas la alton de 5610 metroj. Iranaj montaroj havas multajn kavernojn. Multaj montoj havas varmajn kaj mineralajn fontojn.

## Klimato

Irano situas en seka klimat-regiono. Eĉ la proksimeco de maroj ne multe helpas, ĉar la montaroj baras la fluojn de humida aero. Pro la grandeco de la teritorio kaj grandaj alto-diferencoj la klimataj kondiĉoj en diversaj partoj de la lando estas ege variaj. La averaĝaj jaraj aer-temperaturoj varias inter 10 kaj 30 celsiaj gradoj. Ankaŭ la kvanto de hidrometeoj ege varias inter 100 kaj 2000 milimetroj jare, sed la averaĝa kvanto por la tuta lando estas nur 275 mm.

La diverseco de la geografiaj kondiĉoj kaŭzas, ke en diversaj partoj de la lando oni povas observi en la sama tempo eĉ diversajn sezonojn: en iu urbo jam povas regi varma somero, dum la alia urbo ankoraŭ ne liberiĝis de vintro.



## Historio

La ĝusta tempo de hom-apero sur la teritorioj de Irano ne estas difinita. Tamen ekzistas klaraj arĥeologiaj pruvoj de tio, ke la Irana teritorio estis loĝata jam antaŭ 5 jarmiloj. La unua ŝtato – la Meda Imperio – formiĝis ĉi tie en la sepa jarcento a.K., ĝia ĉefurbo estis Ekbatana (nuna Hamadan). La Medan Imperion postsekvis la imperio de Aĥemenidoj, kiu dum la tempo de sia kulmino kovris grandegan teritorion. En la jaro 330 a.K. la imperio de Aĥemenidoj estis ruinigita fare de Aleksandro la Granda, kiu alportis en Iranon helenan kulturon.

Inter la jaroj 250 a.K. kaj 220 p.K. la teritorion de Irano okupas la Parta Imperio; ĝin sekvis la Sasanida Imperio, kiu ekzistis ĝis la mezo de la sepa jarcento. La tempo de la Sasanida Imperio estis unu el la plej majestaj epokoj dum la tuta historio de Irano. De tiu ĉi periodo restis multaj kulturaj heredaĵoj kaj historiaj konstruaĵoj dise tra la lando.

En la sepa jarcento la teritorio de Irano transiras sub araban regadon; samtempe islamo estis akceptita kiel ŝtata religio. Ĝis la fino de la dudeka jarcento en Irano sinsekve regis la dinastioj de Safavidoj, Afŝaridoj, Zandoj, Kadĵaroj kaj Pahlavi-dinastio. En la jaro 1979 sub la gvido de ajatolo Ruhollah Ĥomejni en la lando okazis islama revolucio, kiu metis la bazojn de la moderna aranĝo de la ŝtato.

## Kulturo kaj popolo

La teritorio de Irano estas naskiĝ-loko de zoroastrismo, kiu estis unu el la plej grandaj religioj de la antikva mondo. Nuntempe la oficiala religio de Irano estas ŝijaisma islamo; ĝin konfesas ĉ. 90 procentoj de la loĝantaro. La oficiala lingvo estas la persa. La lando oficiale uzas la specifan Iranan kalendaron, kiu komencas la jar-kalkuladon same kiel la islama kalendaro (ekde la jaro de foriro de profeto Mohamedo en Mekkon), sed por difini la komencon de ĉiu nova jaro uzas la momenton de la printempa ekvinokso. La standardo de Irano havas tri striojn (verdan, blankan kaj ruĝan) kaj specialan blazonon, kiu estas simbolo de islama respubliko.

Laŭ la lasta publika censo de la jaro 1996 en Irano loĝis preskaŭ 60 milionoj da homoj, inter kiuj ĉ. 37 milionoj estis urbanoj kaj preskaŭ 23 milionoj – vilaĝanoj. Irana loĝantaro estas relative juna – ĉirkaŭ kvarono de la tuta loĝantaro havas 15 aŭ malpli da jaroj.

Sejed Navab Mozaffari Baluchi, Irano



# Libertino

Tie ĉi, sur la kontinento Sesio, ĉiuj mondanoj nin forgesis. Ni ade interbatalas, mortigas unu la alian kaj ĉiam estas en senfinaj suferigaj militoj.

Sed ne ĉiam estis tiel! Iam ni estis la plej progresinta kontinento sur la Tero. Ni havis la plej potencan civilizacion en la mondo kaj multaj landoj de la aliaj kvin kontinentoj apartenis al nia vasta imperio. Sed nun ili ĉiuj ŝajne decidis per komunaj fortoj malebligi la pacan vivon en mia lando, eble pro ĵaluzo aŭ por uzurpi la naturajn riĉaĵojn de mia kontinento. Kion mi devis fari? Ĉu resti kaj morti aŭ mortigi la samlandanojn? Ne, kredu ke mi ja estas homo kaj ne povis eĉ pensi pri mortigo de aliuloj.

Tial mi kun aro da samlandanoj ekvojaĝis – aŭ, por pli bone diri, ekmigris – el mia gepatra lando Sunio, forlasinte mian domon, mian lingvon kaj ĉiujn miajn havaĵojn. Tiuj, kiuj iam devis elmigri el siaj landoj, scias kiom profunda ĉagreno kaj melankolio turmentas la animojn de la elmigrintoj.

Mi tamen ne volas paroli pri ĉiuj miaj malbonaj travivaĵoj. Mi volas nur rakonti al vi, kio okazis al mia kunlaborantino kaj amikino Libertino. Ankaŭ ŝi estis de Sunio. Ne plu povante toleri la maljustaĵojn de la aŭtoritatoj ni decidis forvojaĝi kune kun aro da elmigrantoj al Lunio. Lunio situis okcidente de nia lando kaj estis fama pro sia libereca vivmaniero kaj riĉeco. En nia grupo troviĝis plej diversaj homoj: akuzitaj politikistoj, eksaŭtoritatuloj de la lando nun persekutataj pro politikaj ŝanĝoj, sciencistoj, kiuj okupiĝis pri malpermesitaj sciencoj, historiistoj, kiuj verkis historiajn librojn laŭ la historiaj veraĵoj kaj ne aŭskultis la admonojn de la nova reĝimo, kredantoj je la religioj malsamaj de la oficialigita religio ktp.

Dum la unuaj tagoj ĉiuj marŝis pace, amike kaj frate. Ĉiu penis helpi la apudulon. Ĉiuj havis la saman celon. La tuta grupo iĝis kvazaŭ samsorta frataro – kaj tiuj tagoj estis vere strangaj kaj mirindaj. Mi deziregis, ke tiuj tagoj fariĝu eternaj por ni. Ve, sed tiuj tagoj ne plu revenos!

Kiam ni trairis la landlimon, la persekutantoj ne plu nin persekutis aŭ ni almenaŭ ne plu vidis ilin. Eble la novaj aŭtoritatuloj de Sunio decidis neniigi nin helpe de polico de Stelio – la lando, kiu situis inter Sunio kaj Lunio. Same kiel nelerta biciklanto ĉiam fiksas siajn okulojn al la foro kaj ne rigardas la proksiman vojon, ni ĉiam direktis niajn rigardojn al Lunio kaj sciis preskaŭ nenion pri Stelio. Stelio por ni estis lando mistika, plennebula, kun densaj arbaroj kaj akvoplenaj riveroj. Ve, ni eĉ ne kunprenis mapon de tiu lando; do estas nature, ke ni perdiĝis. Kiam ĉiu homo komencis kulpigi pri tio la aliajn, ni ekpensis pri gvidanto. Ĝis tiam ni aŭ ne bezonis gvidanton aŭ simple ne pensis pri tio. Sed nun estis tute klare, ke ni bezonas saĝan, kuraĝan, amatan – aŭ almenaŭ de ĉiuj akceptatan – gvidanton.

Niaj manĝ-rezervoj estis elĉerpataj, nin minacis sovaĝaj bestoj, nekonataj naturaĵoj, nevideblaj fantomoj, kiuj eble estis kreitaĵoj de niaj lacaj kaj malkvietaj mensoj aŭ vere estis kaŝitaj spionoj de Stelio. La situacio tre malbonis: ĉie ondis koleremo, netoleremo kaj kverelemo inter la kamaradoj. Ardis senfinaj diskutoj kaj akraj disputoj. Ĉiu klopodis diri ion kaj kriante montri sian pravecon. Ne plu eblis iri antaŭen.

Tre diskrete mi invitis ĉiujn kunsidi sub granda arbo por iom ripozi kaj trovi solvon por nia problemo. Ĉiuj ariĝis. Iuj eksidis, iuj restis starantaj kaj dube rigardis la ĉirkaŭulojn. Sed la plej miriga afero estis la fakto, ke la homoj dividiĝis je kvar grupoj. Mi divenis, ke estas okazonta iu malagrablaĵo…

La bruo ankoraŭ ne plene kvietiĝis, kiam iu forta viro demandis min:

– Kial vi invitas aliajn? Kial vi sentas vin estro de aliaj?

Mi, tute surpriziĝinte, levis miajn ambaŭ manojn kaj respondis:

– Ne, sinjoro, mi tute ne pensas pri tiaj aferoj. Mi ĵuras, ke mi ne intencas estri la aliajn. Mi invitis vin por kunpensi kaj kune trovi la solvon, nur por tio!

– Do mi demandas ĝuste pri tio: kial estas vi, ho granda moŝto, kiu invitas la



post nelonga interkonsiliĝo kun sia popolo respondis:

– Ne! Ni decidis reveni al niaj hejmoj, al niaj laboroj, al niaj familianoj, al nia historio, al niaj grasaj ŝafoj, al niaj malvarmaj akvofontoj kaj varmaj fornoj, al niaj kelkkoloraj manĝotabloj kaj puraj dormotukoj; unuvorte – al nia kara patrolando Sunio!

La unua viro kvazaŭ trafite de fulmo kriis:

– Kompatindaj! Viaj domoj jam estas oficejoj de la nova registaro, viaj laboroj jam estas farataj de la aliaj, viaj familianoj – se restis vivaj – estas sklavoj de la novaj mastroj; via historio estas ŝanĝita tiel, kvazaŭ vi neniam ekzistis; viaj grasaj ŝafoj jam estas rostataj sur akraj rostostangoj kaj ardaj fajroj, kiujn oni bruligis per viaj mebloj! Kie vi estas, frato? Kiom naivaj estas vi!..

Subite en la tria grupo, kiu ĝis nun estis silenta, leviĝis bruo. Oni ne povis kompreni, kion ili opinias. Finfine el tiu grupo eliris viro, kies voĉo estis pli forta, ol tiuj de la aliaj, kaj ekkriis:

– Gefratoj, geamikoj, gekamaradoj, gesinjoroj aŭ kiuj ajn vi estas, bonvolu aŭskulti min: mi proponas nek Lunion nek Sunion, sed pacon kaj malkverelon! Estu afablaj atenti: ni restos tie ĉi! Nek paŝon antaŭen, nek paŝon malantaŭen!

Kaj tuj eltirinte sian pafilon li aldonis minace:

– Se iu ano de mia grupo movetos sin eĉ je paŝeto, mi mortigos lin senhezite!

Ĉiuj anoj de lia grupo rigardis lin rondiginte siajn okulojn kaj kunpreminte siajn lipojn. Dum momento neniu parolis. Sed iom poste ekaŭdeblis timigaj sonoj. Ĉiuj estis eltirantaj kaj preparantaj siajn pafilojn. Ho, mia Dio! Kion mi vidis?! Mizeruloj, kiuj forfuĝis de siaj hejmoj por trovi pli bonan vivon, jam estis pretaj pafmortigi unu la alian. Libertino perrigarde petis min silenti. Sed ŝi mem malrapide ekstaris, montris siajn malplenajn manojn

aliajn? Ĉu vi sentas, ke vi estas la gvidanto? Ni forfuĝis de tiu geheno ĝuste por vivi sen estro kaj ordonanto!

– Bone, bone! Mi senigas min je ĉiuj tiaj rajtoj. Sed almenaŭ permesu al la aliaj paroli pri nia komuna sorto.

– Tiel ni faros. Sed unue vi devas aŭskulti la voĉon de la aliaj pri vi mem!

Li turnis sin al sia grupo. Ili ĉiuj unuanime ekkriis, direktinte al mi siajn montrofingrojn:

– Brave, ĝuste, li ne rajtas esti estro! Ni mem decidos, kion fari kaj kien iri!

Libertino, mia amikino, volis diri ion, sed ŝia sono perdiĝis en la bruo de la grupo. Ŝi eksilentis, rigardante min kun granda miro. Mi ne sciis, kion fari. Tuj ekkriis iu viro el la dua grupo:

– Estas ĝuste, ke ni forfuĝis de tiu infero por trovi pli bonan vivon, sed ni ne rajtigas vin aŭ iun ajnan alian personon decidi pri ni. Dum multaj jaroj ni estis nur aŭskultantoj. Jam venis tempo por ke ankaŭ ni eldiru niajn postulojn!

La delegito de la unua grupo venkovoĉe kaj samtempe postulante jeson de sia kontraŭulo diris:

– Ĉiukaze ni daŭrigos la marŝon okcidenten, al Lunio! Ĉu vi kuniras kun ni?

La dua viro, delegito de la dua grupo,

(por vidigi, ke ĉi ne havas armilon) kaj afablatone ekparolis:

– Sojle de la dudek dua jarcento, erao de la konversacio, dialogo, interparolo, interkompreniĝo, paco kaj paca kunvivo, ni estas pretaj mortigi aliajn homojn, ni havas pafilojn en la manoj kaj koleron en la koroj! Kial? Nur pro tio, ke oni volas aŭ ne volas veni kun ni! Nur pro tio, ke oni ŝatas aŭ ne ŝatas vivi tie aŭ tie ĉi! Nur pro tio, ke iu konsentas aŭ ne konsentas kun niaj opinioj. Ĉu vi memoras la pasintajn kvar jarcentojn? Kiom da homoj estis mortigitaj dum la dek oka, dek naŭa, dudeka kaj dudek unua jarcentoj? Ĉu ni ne studis la rezultojn de tiom da tiraneco? Kio okazis? Ĉu unu lando, unu religio, unu partio aŭ unu persono sukcesis subigi ĉiujn aliajn? Ĉu ni forgesis Hitlerojn kaj Stalinojn? Ĉu ili sukcesis? Ĉu ni forgesis la krimojn de la blankaj, flavaj, ruĝaj kaj nigraj despotoj? Ĉu ni ne lernis, ke ni mem devas ŝanĝiĝi kaj rekonstrui novan homan vivon? Ĉu vi atendas novan Deŭkalionon*, kiu venus sur Teron rekrei novan homan rason? Ve, ne estas epoko de Olimpaj dioj, jam mortis Prometeo! Nun estas veka nur la homa konscio! Kaj se ni volas reveni al la pasinteco, al la diktaturo, al la unusola supervolo, kiu diktas sam-manieran vivon al ĉiuj, do ni devas pafmortigi unu la alian ĝis la lasta homo, ĉar en la despota socio neniu emas esti subulo, sed volas esti superulo! Se la unua ne tolerus la duan, do la dua ja ne tolerus la unuan kaj komenciĝus senfina malamikeco inter la homoj. Tiel estis ĝis nun, kaj la homaro lasis tiujn epokojn malantaŭe. Kial ni volas komenci ĉion denove? Ĉu ne sufiĉas la iamaj spertoj?..

Kiam Libertino eksilentis por iom ripozi leviĝis bruo de aplaŭdoj, sed – mirinde! – nur flanke de la kvara malmultnombra grupo, en kiu estis mi mem kaj ankaŭ Libertino! Neniu povis supozi, ke al la aliaj tri grupoj la paroloj de Libertino ne plaĉos. Ili kvazaŭ ne aŭdis ilin aŭ sentis, ke tiuj paroloj estas minacaj, tial ĉiuj neatendite direktis siajn pafilojn al ŝi! Ho, Dio mia, kio okazis? Kial ili volis pafi ŝin? Kia malagrablaĵo estis en ŝiaj paroloj, ke tiuj tri grupoj unuanime ekdeziris mortigi ŝin? Mi ne povis kompreni la aferon kaj tute konfuziĝinte mi eliris antaŭ ĉiujn kaj invitis la homojn al kvietiĝo, trankviliĝo kaj racia decido...

Sed ĉiuj mokis min! Ili ridis fortege kaj montris siajn dentojn tre timige kaj minace! La viro-delegito de la tria grupo levis sian maldekstran manon, petante ĉiujn ne pafi, kaj tuj invitis la delegitojn de la unua kaj la dua grupoj al pli privata kunsido kaj pli sekreta konversacio. La aliaj du delegitoj ak-

ceptis la inviton. Finfine ili tri trovis la solvon, kiu estis laŭte deklarita al ĉiuj aliaj:

– Ni, tri grandaj grupoj, decidis, ke la kvara grupo ne ekzistu! Ni scias, kion ni volas: la unua grupo volas iri al Lunio, la dua grupo volas reveni al Sunio kaj la tria grupo volas elekti en Stelio. Sed la kvara grupo ne scias, kion ĝi volas! Ili ĉiam parolas pri libereco, demokratio, homaj rajtoj, respektoj al la kredoj, frateco kaj similaj malklaraj vortoj, kies signifon ĝis nun neniu povis kompreni. Tiuj bagateloj dum kvar lastaj jarcentoj nur okupis la tempon de la homaro kaj donis nenian rezulton. En la nomo de libereco oni atakis aliajn landojn kaj detruis bonajn kaj amikajn reĝimojn, kiuj havis fortikajn kredojn je siaj principoj. Ni do deklaras al ĉiuj anoj de la kvara grupo, ke tiun grupon ni ne agnoskas kaj ke ili devas tuj decidi al kiu alia grupo ili volas aliĝi. Ili estas liberaj elekti unu el la tri ekzistantaj grupoj kaj havas por tio unu horon. Post unu horo ni komencos realigi la punfazon kontraŭ tiuj, kiuj ankoraŭ restos en la eksa kvara grupo.

Iu el la kvara grupo – nia grupo, grupo de la kredantoj je libereco, demokratio, frateco, paco kaj interkompreniĝo – demandis pri la puno, kiun ricevos tiuj, kiuj ne akceptos la proponon. La tri delegitoj rigardis malantaŭ siajn dorsojn – kaj inter la arboj, kiuj nin ĉirkaŭis, eliris kvar fortaj indiĝenaj viroj, kiuj decide alproksimiĝis al la demandinto, dispecigis lin je kelkaj partoj kaj kontente forportis lian kadavron. La tri delegitoj ĵetis signifohavan rigardon al la publiko kaj afablatone ekparolis:

– Jam ekde nia ekmarŝo ni estas observataj de tri landoj. Ili havas observantojn inter ni



kaj ĉirkaŭ ni. Ni ne povas – kaj, laŭ mi, ne devas – fari ion kontraŭ ili. La instancoj de Lunio volas lunianigi la unuan grupon. Ili estas feliĉaj ĉar vivi en Lunio estas sopiro de ĉiu saĝa homo. La registaro de Stelio donis la permeson, ke la tria grupo elektu tie ĉi kaj ekkonstruu novan vivon por si mem. Por la dua grupo la novaj aŭtoritatuloj de Sunio sendis mesaĝon, ke oni pardonos tiujn elmigrintojn, kiuj revenos en sian landon. Sed por la personoj ekster tiuj ĉi tri grupoj ne troveblas loko en la mondo! Nur la loka indiĝena tribestro – en kies regiono ni estas nun – akceptos ilin por la religia ceremonio de sia tribo. Oni boligos kaj rostos tiujn pulojn dum sia ceremonio!

Mi volis demandi ion privatan de la grupestroj, tial – mi ĵuras je Dio, ke nur tial! – mi alproksimiĝis al ili kaj ekparolis kun la estro de la unua grupo. La unua grupo estis tiu, kiu volis iri al Lunio, ĉu vi memoras? Nu, nia celo dekomence estis iri al Lunio, vi ja ne forgesis tion, ĉu ne? Sed kiam mi ekparolis kun la grupestro de la luniemuloj, la popolo de la kvara grupo decidis, ke mi elektas iun grupon, tial ankaŭ ili aliĝis al la grupoj, kiujn ili preferis. Kian eraron faris mia popolo! Kiam mi turnis mian vizaĝon al mia grupo, mi vidis neniun krom Libertinon, mian amikinon! Nur Libertino estis tie! Kelkaj kompatemuloj penis kaŝinviti ŝin al sia grupo. Sed estis ŝi, kiu kompatis ĉiujn aliajn! Ŝi rigardis nin tiel riproĉe kaj samtempe kompate, ke ĉiu volis liberiĝi de ŝiaj rigardoj kiel eble plej frue. Ŝi restis sur sia loko kvazaŭ roko.

Oni arestis ŝin kaj venigis al la indiĝena tribo. Mi vidis ŝin poste, kiam mi marŝis en la ĝangalo kun pezaj ŝarĝoj sur miaj ŝultroj. Jes, mi vidis mian amikinon per miaj larmoplenaj okuloj. Mi volis almenaŭ forrigarde adiaŭi ŝin, sed la observanto komprenis tion, forte frapis mian kapon kaj ordonis:

– Iru rekte vian vojon, ĉu vi volas esti kuirita aŭ rostita? Se ne, portu vian ŝarĝon kaj ne ĉirkaŭrigardu!

Mi obeis. Ja mi ne povis fari ion alian… De tiam mi jam longe penas forgesi tiun arbotrunkon, al kiu Libertino estis ligita per dikaj ŝnuroj. Jam longe mi penas forgesi tiun diablan ceremonion. Jam longe mi ploras por iom forigi la senson de tiu akra kaj arda fajro, kiun oni ekbruligis ĉirkaŭ Libertino por fari la abomenindan ceremonion! Sed ne eblas forgesi. Ĉiam mi aŭdas ŝian sensonan krion, kiam tuŝis ŝin la unuaj flamoj de la fajro. Kvazaŭ ŝi vokas min per la senfina voko: "Liiiiibereeeeeco!"

* **Deŭkaliono** – en la helena mitologio filo de Prometeo, kiu kun sia edzino Pirra sukcesis supervivi la tutmondan diluvon, aranĝitan de Zeŭso, kaj poste faris novan homan rason el ŝtonoj

# Sekreto de Adamo kaj Evo

Akbar Fekri Abkenar, Irano

Ĉu vi scias, kiel okazis, ke Dio forigis Adamon kaj Evon el **paradizo**? Oni scias, ke Evo manĝis **pomon** de la malpermesita arbo. Sed kial ŝi faris tion? Jen unu el la klarigoj.

Evo iris en la ĝardeno de paradizo; la **serpento** al-proksim-iĝis al ŝi kaj diris:

– Manĝu ĉi pomon.

Sed Evo kontraŭis kaj ne manĝis la pomon, ĉar Dio diris, ke estas malpermesite manĝi pomon en paradizo. Sed la serpento parolis plu:

– Se vi manĝos ĉi pomon, vi pli-bel-iĝos por via edzo!

Evo respondis:

– Mi ne bezonas plian belecon, ĉar Adamo ne havas alian amon krom min.

La serpento ridis:

– Kompren-eble li havas!

Sed Evo ne kredis. Tial serpento alkondukis ŝin al **puto** kaj diris:

– La amata virino de Adamo estas tie. Li kaŝas ŝin en tiu ĉi puto! Rigardu!

Evo enrigardis la puton kaj ekvidis sur la akvo sian re-spegulan bildon. Ŝi pensis, ke ĝi estas la bildo de alia virino kaj tial ŝi kredis al la serpento kaj akceptis ĝian proponon. Ŝi manĝis la pomon kaj... La daŭrigon de la historio vi devas scii.

**paradizo** – fabela loko en ĉielo, kie vivis la unuaj homoj, Adamo kaj Evo, antaŭ ol la Dio forigis ilin de tie
**pomo** – ronda frukto, ĝi povas esti verda, flava aŭ ruĝa
**puto** – "truo" farita en tero por ricevi el ĝi akvon

**serpento** – longa besto, kiu vivas sur la tero aŭ arboj kaj ne havas piedojn, ĉi tie – malamiko de Dio





# Kial mi ŝatas kivon?

Song Ho-young, Koreio

Ĉu vi scias pri la frukto "kivo"? Kivo estas frukto, kiu estas konata kiel simbolfrukto de Novzelando. Tamen onidire kivo originale estis kultivata en Ĉinio, kaj tiam ĝia nomo estis "ĉina aktinidio". Poste novzelandanoj ĉefe produktis la frukton, kaj nomis ĝin per la nomo de sia simbol-birdo. Nuntempe kivo estas kultivata en multaj landoj, eĉ en mia lando, Koreio.

Mi neniam povas forgesi mian sperton, kiam mi ekvidis kaj ekmanĝis kivon. Mi tiam estis scivolema infano, kiu trovis kivon en foirejo, kien mi iris kun mia panjo. Trovinte kivon, mi petegis, ke la panjo aĉetu la frukton. Mi pensis, ke ĝia aspekto estas simila al haŭto de besto. Mi volis preni ĝin ne pro tio, ke ĝi ŝajnis bongusta, sed pro tio, ke ĝia bruna kaj harplena aspekto faris min scivola. Kun granda ĝojo kaj korbato, mi revenis hejmen kun mia patrino, kvazaŭ mi gajnus ion mirindegan.

Enirinte en mian domon, mi tuj kriis al miaj familianoj:

– Jen kion aĉetis la panjo hodiaŭ! Ni manĝu kune!

Mia panjo ankoraŭ ne senŝeligis la kivojn, tamen mi mem tranĉis unu kivon per tranĉilo sen permeso de miaj gepatroj. Kun surprizego mi unuafoje vidis sekcon de kivo. Tuj mi elĵetis laŭdajn vortojn:

– Ho! Kiel bela kaj surpriza ĝi estas!

Jes. Kvankam la ekstera ŝelo de kivo aspektis iomete terura kaj malpura, tamen ĝia interna sekco bele brilis kiel smeraldo. Ĝia freŝa verdo logis al manĝado, kaj ĝiaj semetoj estis metitaj kiel nigre brilaj ŝtonetoj ĉirkaŭ la verda lago! Kelkajn sekundojn mi simple rigardis la sekcon kvazaŭ idioto. Baldaŭ la panjo, paĉjo kaj mia fratinjo sidiĝis ĉe tablo kaj kune gustumis la kivojn. Dolĉa frukta karno feliĉigis mian langon. Miaj manoj malsekiĝis pro la suko kaj eble ankaŭ pro mia salivo! Kia ironia frukto kivo estas!

Per ĉi eta sperto mi konsciis, ke mi devas ne havi antaŭjuĝojn pri io nur pro ties ekstera aspekto. Ni tro nature kaj ofte juĝas homojn aŭ objektojn, nur vidinte iliajn aspektojn. En preskaŭ ĉiu filozofia aŭ morala libro troviĝas la frazo, ke la interno pli gravas ol eksteraĵo, kiu ofte nur celas ion bel-aspektan aŭ bon-ŝajnan.

Kiam mia am-konfeso estis malakceptita de iu fraŭlino, eble precipe pro mia eksteraĵo, mi serioze ĵuris al mi mem, ke mi pliĉarmigos mian aspekton. Ĉar ja gratvundis mian koron la minuskomplekso, ke mia eksteraĵo ne plaĉis al la fraŭlino. Por tio mi ja klopodis kaj klopodis, tamen finfine fariĝis skeptika pri tio, ĉar mi ne volis perdi miajn proprajn trajtojn. Mi estas mi. Se mi simple imitas la aliajn, tio estas kvazaŭ ludo de simio. Kial mi devas ŝanĝiĝi laŭ la aliaj, kiuj ne povas rimarki valoron de kivo? Samtempe mi denove ĵuris al mi fariĝi homo, kiu similas al kivo. Mi esperas fariĝi homo, kies interno estas bela kaj dolĉa, kaj kiu ne fieras arogante, kiel kivo faras. Por mi kivo estas ne nur ordinara frukto, sed ankaŭ senparola pensulo, kiu silente konsilas al mi per si mem. Tial mi tre ŝatas kivon kaj deziras vivi kiel kivo.

# La arboj de via strato

Ulrich Matthias, Germanio

Aŭtuno. La vento blov-movas falintajn foliojn tra la stratoj. Homoj rapidas tien kaj reen, sen rigardi unu la alian. Sub griza ĉielo mi preter-pasas vian domon. Ĉu vi ankoraŭ memoras la vesperon, kiam ni en-am-iĝis? Ĉi tie, antaŭ la pordo, ni adiaŭis. Varme kaj mole via korpo premiĝis al la mia, malseke kaj **pasie** miaj lipoj tuŝis la viajn. La arboj ĉirkaŭ ni ĵus verdiĝis kaj anoncis la finon de dolora tempo. Feliĉo for-puŝis sen-fruktan serĉadon, amo – la solecon.

Sufiĉis unu rigardo – kaj mi jam **tremis**, sufiĉis unu tuŝo – kaj mi jam sentis min en alia mondo.

Pasis monatoj, kaj foje vi nomis min (kun dolĉa rideto) terura, **avara**, neinteresa. Jes, foje vi diris kun ŝerca vizaĝ-esprimo, ke min interesas nur via korpo. Sed tiam mi kun gaja animo kredis vin malserioza.

Aŭtuno. La vento forblovas falintajn foliojn.

Restas nur strata mal-pur-aĵo.

Baldaŭ neĝo ĝin kovros.

**avara** – kiu ne ŝatas dividi kun aliaj siajn havaĵojn
**pasio** – tre forta sento, emocio
**tremi** – fari malgrandajn movojn per la korpo (ekzemple pro malvarmo aŭ pasio)

Facila

# Fabelolando Esperanta

**Sur la fotoj**: (supre) Survoje al la Fabela Lando. (meze) Aini Vääräniemi (la iniciatinto) ĉe la arbo de Pollando kaj arbo de Hispanio; malsupre videblas heliko kun la Esperanta subskribo. (malsupre) La konstruaĵo de la muzeo.

**<RETE>**

<http://www2.taivalkoski.fi/paatalo-instituutti/> – paĝaro pri Päätalo-instituto (finne, kelkaj paĝoj ankaŭ Esperante)

Saliko, Finnlando

En la finna komunumo Taivalkoski, inter lagoj kaj rondkapaj montetoj, troviĝas maldense loĝata vilaĝo Metsäkylä (arbarvilaĝo), kie vivas rakontoj kaj fabeloj Esperantaj kaj finnlingvaj. La finnaj rakontoj priskribas vivon en malriĉa arbara regiono, sovaĝajn bestojn, laboristojn kaj terkultivistojn kun diversaj karakteroj kaj sortoj. La Esperantaj fabeloj rakontas pri kio ajn. Ili estas verkitaj de geknaboj, kiuj partoprenis la Internacian Fabelkonkurson de la literatura kaj eduka Päätalo-instituto (Kalle Päätalo estis verkisto, kiu post multa laborado famiĝis kaj ekhelpis homojn, al kiuj mankis sufiĉaj edukado kaj scioj, esprimi siajn spertojn kaj sentojn per vortoj en lingvo akceptebla de eldonisto).

La internacian Esperanto-branĉon de la nacia Fabelkonkurso iniciatis loka fervora esperantistino, sinjorino Aini Vääräniemi, en la jaro 2000. La nesto de la Esperanto-fabeloj kaj samtempe omaĝo al L. L. Zamenhof estas amuza kaj kvieta loko, kiun ŝirmas grandaj ĉiam verdaj piceoj. Tie sub plasta tegmento kaj inter maldikaj betulaj muroj staras la Centra Oficejo de Esperanta Fabelolando. La oficejon gardas lignaj pego kaj aliaj bestetoj. Tien kondukas ĉarma pado, sur kiu sunlumo ludas kun ombretoj. La paŝanto tie renkontas urson, ursidojn, aglon, leporon, sciuron, helikon kaj aliajn bestojn – statuetojn kun la respektiva Esperanta vorto.

Kelkajn el la ĉirkaŭaj piceoj oni dediĉis al noblaj ideoj, ekzemple Amikeco, Paco, Egaleco, Homaj Rajtoj. Ankaŭ ili portas siajn Esperantajn ŝildojn. Vizitantoj rajtas elekti arbon memore al sia lando. Tiaj lando-arboj jam nombras 18: Albanio, Belgio, Ĉeĥio, Estonio, Finnlando, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Kroatio, Latvio, Litovio, Pollando, Svedio, Slovakio, Svislando, Tajlando, Usono (se via lando ankoraŭ mankas, rapide petveturu al Taivalkoski, kiu situas 770 km norde de Helsinki!).

Sur kelkaj arboj legeblas fabeloj el la Esperanta konkurso, kiu daŭras jam 8 jarojn. Antaŭ la Centra Oficejo oni povas sidiĝi sur benkon ĉirkaŭ fajro por babili, kanti kaj pikniki. Ĉiuprintempe lokaj infanoj 11-12-jaraj konatiĝas kun tiu ĉi unika vivanta ZEO (objekto, dediĉita al Zamenhof aŭ al Esperanto), nomata Arbaro de Zamenhof. Eĉ se ili ne lernus Esperanton lerneje, ili ĉiuj scios ion pri ĝi kaj ĝiaj idealoj kaj ebloj. Ĉio tio kuniĝos kun la fabeleca etoso kaj la susuro de grandegaj pingloarboj.

Espereble, ĉiam venos pli kaj pli da fabeloj por tiu ĉi konkurso (partopreni rajtas geknaboj malpli ol 14-jaraj), ĉar ĝi efike kontribuas al la informado pri Esperanto.





# Pekina Opero eniris en ĉinajn lernejojn

Alice Liu, Ĉinio

La ĉina eduk-ministerio decidis, ke inter ĉi-jara marto kaj sekvajara julio la Pekina Opero estos prove instruata en kelkaj elementaj kaj mezaj lernejoj en Pekino, Tianjin kaj aliaj ok provincoj kaj urboj. Lernantoj en tiuj lernejoj lernas 15 ariojn de la teatraĵoj. Nun la Pekina Opero kun pli ol mil tradiciaj teatraĵoj estas multe pli ŝatata de ĉinaj gemaljunuloj, ol de gejunuloj. Por fari ĝin interesa al infanoj kaj gejunuloj, la ministerio faris tiun decidon.

Aperinte ĉirkaŭ 1840 la Pekina Opero, kiu asimilis kelkajn lokajn teatraĵojn, estas rigardata kiel la ĝermo de la ĉina oper-arto. Ĝi havas la plej grandan spektantaron kaj konsistas el kelkaj apartaj artoj: kantado, parolado, lukt-arto kaj dancado. La kvar ĉefaj rol-kategorioj estas *sheng* (viroj), *dan* (virinoj), *jing* (viroj kun multkoloraj vizaĝ-ŝminkaĵoj) kaj *chou* (klaŭnaj viroj kaj virinoj). Ĉiu kategorio havas siajn apartajn ŝminkojn, kiuj freŝe kaj vivece reliefigas personecojn fidelajn kaj perfidemajn, belajn kaj malbelajn, bonajn kaj malbonajn. En majo 2006 la Pekina Opero estis listigita inter la plej gravaj naci-nivelaj nemateriaj kulturaj heredaĵoj fare de la Ŝtata Konsilantaro de Ĉinio.


Unu el la karakteroj de la Pekina Opero kun tradiciaj ŝminko kaj kostumo

## Purigu vian fenestron

Aleksandro Prado, Brazilo

Facila

Foje geedzoj parolis dum la mantenmanĝo. La serioza kaj trankvila edzo legis la matenan gazeton kaj volenevole rigardis sian edzinon. Ŝi estis tre parolema kaj sen fino rakontis la novaĵojn pri la **najbaroj**. Subite ŝi ekrigardis tra la fenestro la kuirejon de la najbaroj, kiuj nur antaŭnelonge ekloĝis ĉi tie, kaj diris al sia edzo:

– Rigardu, kiel malpuraj estas la vestoj de nia najbarino – ŝi tute ne scipovas bone lavi la vestojn!

La edzo ne atentis tion, sed en la sekvaj tagoj la edzino daŭrigis ĉiutage paroli pri la najbarino. Iun tagon ŝi diris:

– Kiaj flavaj vestoj, ŝi ja tute ne scipovas purigi la vestojn. Sekvan fojon, kiam ŝi pendigos la vestojn por sekigi ilin, mi iros por instrui ŝin bone purigi la veston!

Sed sekvan fojon, kiam la edzino alrigardis la najbarinon tra la fenestro, ŝi ekmiris:

– Kara mia! Kia mir-ind-aĵo, nia najbarino bone purigis la vestojn!

Sed la edzo tute trankvile respondis al ŝi:

– Ne, kara mia; simple hodiaŭ mi ellit-iĝis pli frue, ol vi, kaj purigis nian fenestron, tra kiu vi ĉiu-tage rigardas la straton.

Tre ofte la problemo kuŝas ne en la aferoj kaj homoj ĉirkaŭ ni, sed en tio, kiel ni rigardas la mondon. Se nia koro estas pura, ni vidas la mondon same pura. Ni do purigi nian fenestron kaj ekrigardu la mondon ali-maniere.

**najbaro** – la homo, kiu loĝas apude (ekzemple, en apuda domo)

# Rat-Man kaj la komikslernejo



# Ne timu esti eksplodigita!

Paŭlo Moĵajev, Ukrainio




**“Eksplodigos vian domon”, miks-formata KD de “La perdita generacio”, 13 titoloj, la suma daŭro de 49 min, mp3-formataj karaoke-versioj de la kantoj, tekstolibreto.**

Unuafoje mi konatiĝis kun la bando “La perdita generacio” en la jaro 2004 dum la IJK en Rusio. La bando, laŭ mia impreso, plaĉis ne nur al mi, sed ankaŭ al multaj aliaj kongresanoj: jen ironie kritikaj, jen profunde lirikaj tekstoj de unu flanko kaj simplaj, sed melodiaj kaj sinceraj muzikoj de la alia flanko ne povis ne impresi. La sola bedaŭrindaĵo, pri kiu tiam atentigis ĉiuj aŭskultantoj, estis la troa mallongeco de la koncerto... Kaj jen bonega okazo denove renkontiĝi kun la bando per tiu ĉi disko kun, verdire, iom stranga sensubjekta nomo (verŝajne, oni subkomprenu kiel subjekton la nomon mem de la bando).

Feliĉe la stilo de la bando preskaŭ ne ŝanĝiĝis de tiu tempo. Mi diris “feliĉe”, ĉar la stilo estas certe unika: ĝi prezentas iun strangan miksaĵon de liriko kaj forta kritikado de la moderna mondo. Pri kritikado temas la kantoj “Malantaŭen” (pri la sociaj antaŭjuĝoj kaj troa konservativismo), “Ne normalas, nur kutimas” (pri la misoj de la moderna mondo), “Kapon en la sablo”, “Mil naŭcent okdek kvar” (ĉilasta ne nur nome, sed ankaŭ enhave aludas al la fama romano de George Orwell “1984” – “Gvatas super vi fratego...”). Sed, feliĉe, la pli multaj kantoj de la disko estas lirikaj. Mi diris “feliĉe”, ĉar la lirikaj tekstoj kaj muzikoj de la bando estas, laŭ mia opinio, multe pli sukcesaj. La kritikemaj kantoj eble iom pensigas, sed ne pli – ilia muziko estas nek altrudiĝema, nek elstare bela.

Male pri la lirikaj kantoj. Certe, ne ĉiuj, sed multaj el ili estas vere elstaraj muzike kaj kortuŝaj tekste. La bandanoj uzas riĉajn kaj liberajn harmoniojn, simplajn, sed samtempe nekutimajn muzik-aranĝojn (i.a., uzante iom nekutimajn por plimulto de la modernaj muzikaj ĝenroj muzikilojn, ekz., klarneton kaj violonĉelon). Menciindas la fakto, ke la tekstoj, entute bonaj lingve, krom tipajn malglataĵojn (ekz., mislokitaj akcentoj) enhavas ankaŭ kelkajn lingvajn eksperimentojn, foje pravigeblajn (kiel, ekz., la vortoj “iamio”, “ĉiamio”, “fiamio” ks.), foje – verŝajne ne (kiel, ekz., sporada uzo de “viriĉo”). Kaj malgraŭ la rekomendo sur la malantaŭa kovril-paĝo mi vane serĉis en la paĝaro de la bando la gloson por la vorto “asronado”...

Tamen tiuj malperfektaĵoj certe pardonendas. Krom belegaj melodioj kaj interesaj tekstoj sur la disko vin atendas ankaŭ angrablaj voĉoj, klara prononco kaj mp3-dosieroj kun karaokeaj versioj de ĉiuj kantoj. Fine – la tekstolibreto kaj mia sincera rekomendo: ĝuu la albumon!

## JUNA AMIKO – internacia e-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj

– aĝas 30 jarojn kaj aperas 3-foje jare (aprilo, septembro, decembro) sur po 52 plurkoloraj paĝoj kun plenkoloraj kovriloj;
– havas kunlaborantojn el ĉiuj kvin kontinentoj;
– rabato ĝis 50%!

Karakterizas ĝin:
modela stilo kaj facila lingvaĵo (1500 vortradikoj sen glosoj), enhavo tre varia: rakontoj, fabeloj, raportoj, informoj, interesaĵoj, enigmoj, kvizoj, versaĵoj, ludoj, kantoj, humuro, lingvaj konsiloj, interkulturo, kuriozaĵoj, voĉo de legantoj k.a. kun multaj ilustraĵoj.
JUNA AMIKO estas fonto de taŭgaj legaĵoj por komencantoj, fidinda helpilo por E-kursgvidantoj.
Vizitu nian TTT-ejon: <www.junaamiko.inf.hu> aŭ en <www.lernu.net>!

## Abonkotizo por *Kontakto* por la jaro 2008

| | | | |
|---|---|---|---|
| Aŭstralio/dolaro | 35 | Latvio/lato | 9 |
| Aŭstrio/eŭro | 22 | Litovio/lido | 42 |
| Belgio/eŭro | 22 | Nederlando/eŭro | 22 |
| Brazilo/eŭro | 10 | Norvegio/krono | 170 |
| Britio/pundo | 15 | Nov-Zelando/dol. | 41 |
| Ĉehio/krono | 460 | Pollando/zloto | 54 |
| Danio/krono | 165 | Portugalio/eŭro | 22 |
| Estonio/krono | 195 | Rusio/eŭro | 10 |
| Finnlando/eŭro | 22 | Slovakio/krono | 550 |
| Francio/eŭro | 22 | Slovenio/eŭro | 15 |
| Germanio/eŭro | 22 | Svedio/krono | 205 |
| Greklando/eŭro | 22 | Svislando/franko | 34 |
| Hispanio/eŭro | 22 | Usono/dolaro | 26 |
| Hungario/forinto | 4100 | TARIFO A/eŭro | 14 |
| Irlando/eŭro | 22 | TARIFO B/eŭro | 10 |
| Islando/eŭro | 20 | | |
| Israelo/eŭro | 16 | | |
| Italio/eŭro | 22 | | |
| Japanio/eno | 3300 | | |
| Kanado/dolaro | 31 | | |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro kaj Slovenio laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Bulgario, Latvio, Litovio kaj Rumanio laŭ Estonio.

TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.

TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

Kiel individuaj membroj de TEJO por 2008 estos registritaj tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj estos malpli ol 30-jaraj la 1-an de januaro 2008 (t. e. kiuj naskiĝis en 1978 aŭ poste). Ankaŭ Dumvivaj Membroj samtempe membras en TEJO, dum ili estas malpli ol 30-jaraj.

## Ĉu vi serĉas korespondamikon?

Sendu al Koresponda Servo Mondskala jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, neuzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.
Skribu: Koresponda Servo Mondskala, B.P. 6, FR-55000 Longeville-en-Barrois, Francio

## FARIĜU KONSCIA SUBTENANTO DE TEJO! Fariĝu patrono de TEJO!

Pagante trioblon de vialanda MJ(-T)-kotizo vi ne nur subtenas la esperantistan junularon; de TEJO vi ankaŭ ricevas:
– revuon Kontakto
– bultenon TEJO Tutmonde (oficiala organo de TEJO)
– akcepton dum la ĉiujara Universala Kongreso
– aliajn laŭokazajn servojn kaj publikigaĵojn




# Parlamentaj... katoj!



**Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono**

**Jen demando: la** parlamento **en kiu ĉef-urbo estas ankaŭ hejmo por pluraj katoj? Jen helpeto: tiu lando havas reĝinon kaj tie troviĝas la plej alta konstruaĵo en la mondo. Jen plia helpeto: oni parolas tie la anglan kaj la francan. Jes, ĝi estas Kanado – kaj la ĉefurbo, kompreneble, estas Otavo!**

Pasint-jare Otavo festis 150-jariĝon ekde kiam la angla reĝino Viktorino elektis ĝin kiel la ĉefurbon de Kanado. Tiu elekto estis por la otavanoj sama **surprizo** kiel por la cetero de Kanado: ja tiam Otavo estis nur eta urbeto meze de arbaro. Estas eĉ oni-diro, ke la reĝino por elekti la lokon de la ĉefurbo simple metis **pinglon** sur la **mapon** de Kanado. Plej verŝajne, tio estas nur onidiro, ĉar la situo de Otavo estas tre signifa: ĝi troviĝas en la mezo inter la ĉefurboj de la anglalingva kaj franclingva Kanado, do, inter Toronto kaj Kebeko. Krome, ĝi estas sufiĉe malproksima de Usono, kaj en tiu tempo la rilatoj inter Kanado kaj Usono ne estis tre amikaj. Kaj la fakto, ke la urbo estis tiom eta, certigis, ke la kanada loĝantaro mem ne povos **detrui** la reg-ist-arajn konstruaĵojn, se oni malkontentos pri la registaro. Alia grava konsidero estis ke ĝi kuŝas sur la rivero, kiu ligas Otavon (helpe de la kanalo Rideau [rido]) kun Montrealo kaj la lago Ontario.

Nuntempa Otavo estas bela kaj verda urbo kun multaj historiaj konstruaĵoj kaj amikemaj loĝantoj. La sola afero, pri kiu ili tamen plendas, estas la vetero: Otavo povas esti varmega somere sed malvarmega vintre. Otavo situas en anglalingva parto de Kanado – en Ontario, sed ĝi estas tre proksima al Kebekio: fakte, la kebekia urbo Gatineau [gatino] estas tuj trans la rivero. Pro tio kaj, kompreneble, pro la fakto, ke Otavo estas la ĉefurbo de dulingva lando, vi aŭdos la francan lingvon preskaŭ same ofte kiel la anglan.

Ĉiu-jare ĉirkaŭ tri milionoj da turistoj vizitas Otavon, kaj la plej fama vid-indaĵo estas la Parlamento. Ĝi troviĝas sur la Parlamenta Monteto kun belega vido al la urbo kaj la rivero. La turistoj eĉ povas pasigi plurajn tagojn nur sur la Parlamenta Monteto. Oni povas esplori plurajn konstruaĵojn de la parlamento kaj la ĝardenon, ĝui la artaĵojn, lerni pli pri historio, babili kun la famaj kanadaj ĉeval-policistoj kaj eĉ tuŝi iliajn ĉevalojn!

Alia bona afero estas ke ĉiuj ekskursoj estas tute senpagaj. La plejparto de la gvidantoj estas studentoj de la universitato de Otavo, kaj ĉiuj ekskursoj haveblas en la angla kaj en la franca. Se vi faros ekskurson tra la parlamentaj loĝ-ĉambroj, estas granda ŝanco ke vi renkontos diversajn kanadajn famulojn de la malfrua 19-a jarcento! Oni kun ĝojo rakontos al vi pri la loka vivo, kutimoj, problemoj kaj esperoj, kaj ankaŭ demandos, de kie vi venis kaj kiom da semajnoj vi vojaĝis por atingi tiun malproksiman lokon kiel Otavo.

"Sed kiam aperos la katoj, pri kiuj vi parolis?" – vi demandos. Fakte, meze de ĉio! Aŭ pli ĝuste, kiam ajn kaj kie ajn – pro tio ili estas katoj! La Parlamenta Monteto nun estas hejmo por 14 sovaĝaj katoj. La katoj kaj aliaj bestoj loĝis apud la parlamento, verŝajne, longe antaŭ la parlamento mem aperis, kaj en la 1970-aj jaroj ili fariĝis la "oficialaj loĝantoj" de la Parlamenta Monteto. La projekton prizorgi la "parlamentajn katojn" komencis Iréne Desormeaux [dezorme] kaj nun ĝin daŭrigas René Chartrand [ŝartran] (vidu la foton). La loka porbesta malsanulejo senpage kuracas la bestojn, se ili malsanas, kaj dank' al ĉiamaj mon-donacoj de la turistoj oni aĉetas manĝaĵojn kaj aliajn necesaĵojn. La katoj loĝas en etaj konstruaĵoj, kiuj tre rememorigas (kia surprizo!) la verajn parlamentajn konstruaĵojn. Kompreneble, oni povas vidi la katojn ĉie sur la Monteto kaj, laŭ René, oni eĉ lasas ilin en la verajn parlamentajn konstruaĵojn por "kat-laboro", tio estas okupiĝi pri **musoj**!

**detrui** – per-forte neniigi
**mapo** – desegno de lando, urbo kaj tiel plu
**muso** – katoj tre ŝatas manĝi musojn
**parlamento** – aro de homoj, kiujn oni elektas por fari leĝojn kaj fari gravajn decidojn nome de ĉiuj loĝantoj de la lando
**pinglo** – oni uzas ĝin por fiksi ion – ekzemple, parton de vestaĵo
**surprizo** – io, kion oni ne atendas

